# S ✫ E ✫ L

Fondinto: "Avoto"
Kunfondinto: J.W. Leslie

Honoraj Prezidantoj:
"Avoto". Norman Booth.
D.H. Davis. L.J. Van Gulck

Prezidanto: John Berggreen,
Brattvollveien 23 c,
Nordstrandhøgda, Norvegujo

Sekretario: J. K. Hammer,
Taxusstraat 7, Zaandam,
Nederlando.
Poŝtĝirkonto 63 22 46.

Kasisto kaj Administranto de "La Skolta Mondo":
David H. Withey, 21 Brookfield Avenue, Waterloo,
Liverpool L 22 3YE, Britujo
Telefono WAT 2936

Redaktoro: Hans Amund Rosbach,
Nergata 37 c, N-6500
Kristiansund N, Norvegujo.

La Skolta Mondo aperas kvarfoje en la jaro.
Okaze de nericevo, bonvolu sciigi vian Nacian Reprezentanton aŭ la Administranton.


# HONORARIO

Mi ne kredas, ke iu ajn el la multaj libervolaj laborantoj en nia movado iam postulis aŭ eĉ pensis pri honorario pro sia laboro.

Tamen la laboro devus esti honorarita! Multmaniere!

Al ĉiu la videblaj rezultoj estas honorario.

Tial la reakcio al la konkurso en la lasta numero fakte estas ia honorario por la redaktoro.

Same la alsendata materialo por la gazeto - ĉu uzata aŭ ne - kaj laŭdo kaj kritiko.

Tamen mi nun volas atentigi pri io pli konkreta.

Mi ĵus ricevis leteron el unu el la "nepagipovaj" landoj - kaj sur la koverto estis malbela kaj tre ordinara poŝtmarko. La lando, pri kiu temas, estas inter la landoj kun plej belaj kaj plej ŝatataj poŝtmarkoj. La sendinto de la letero povus sen ia ekstra kosto uzi poŝtmarkon kiu vekus ĝojon ĉe ĉiu filatelisto, sed ne faris tion.

Kial?

Samtempe venis letero el lando kies poŝtmarkoj ofte estas nur sama portreto de la ŝtatestro Sed ĉi tiu poŝtmarko verŝajne estis zorge elektita.

Honorario!

Jes, ĉar se tiu, al kiu vi skribas, ne mem estas kolektanto, li (aŭ ŝi) ja aŭ mem havas infanojn, aŭ konas iun, al kiu la bela poŝtmarko estus ĝojo.

Krom tio estas mono en tiuj ĉi malgrandaj paperpecoj. Mi mem posedas - sur kovertoj ricevitaj de unu persono, kun kiu mi per-esperante korespondis dum kelkaj jaroj - poŝtmarkojn al pluraj miloj da kronoj!

Kaj al la sendinto la leteroj kostus la samon per tiuj kiel per seninteresaj poŝtmarkoj!

UEA havigas al si monon per la poŝtmarkoj - i.a. petante, ke kiu skribas al UEA, enmetu kelkajn uzitajn poŝtmarkojn.

En Norvegujo kontraŭtuberkuloza laboro ricevas rimedojn de "Tub-frim", t.e. asocio kiu kolektas poŝtmarkojn dise en oficejoj ktp tra la tuta lando

Kio estus pli nature, ol ke la skoltoj atentus je tio - niaj skoltazocioj ja havas insignojn por filatelio!

Mi povas aserti, ke la supre menciita kovertokolekto vekis atenton - speciale, kiam mi povas rakonti, ke ĝin havigis al mi Esperanto!

Hans Amund

# EBLECOJ:

Ni havas eblecojn. Ni uzu ilin:

Ĵamboreo per Radio.

Al JpR 1972 partoprenis pro la invito kiun SEL sendis al la radio-amatoroj la sendilo de s-ino E. Magaña de Baca en Meksiko, XE 2 AO.
Partoprenis ankaŭ la sendiloj XE 2 MMS, CCS kaj JX. Kunvenis per tio la grupoj 3 kaj 7 de la urbo Chihuahua, kiuj pro tio konatiĝis kun Esperanto.
Oni havis kontaktojn kun aliaj sendiloj en Panamo, Meksiko kaj Havajo kaj Peruo. La atmosferaj kondiĉoj bedaŭrinde malpermesis kontaktojn kun aliaj kontinentoj

Imitinda ekzemplo por aliaj radio -amatoroj.
Koran dankon al s-ino Magaña de Baca pro ŝia helpo.

Jen ni estas: S.E.L.

Vere estas necese, ke ni iom konitigi la skoltojn pri nia ekzisto!
Ne nepre necesas fari tion per grandaj kampanjoj. La pli valora estas, ke ĉiu el ni, ĉiam denove, plenumu etan taskon.
Jen la du, tre simplaj, taskoj por la venontaj monatoj:

Skoltoj: Montru vian korespondon kun eksterlando al tri aliaj skoltoj.

Skoltestroj: Parolu kun viaj kolegoj, kaj rakontu al ili, kion Esperanto signifas por vi!

## BREGENZ

eble estas nia plej granda ebleco! Dum multaj jaroj post la milito nia Ligo ne havis la forton por mem organizi skoltajn kunvenojn - ni nur revis pri ili.
Fakte ni nur kunvenis en malgrandaj rondoj, kaj ĉefe nur dum la Universalaj Kongresoj.
Nun SEL estas sufiĉe matura por denove komenci la tradicion antaŭmilitan, ke SEL ĉiujare kunvenu.

TIAL NI LUIS "MONTARAN KABANON" DUM LA TEMPO 30-a DE JUNIO AL 14-a DE JULIO.

Ni esperas tie renkonti multajn entuziasmajn membrojn kaj interesulojn.

Tute ne gravas, ĉu ili estas spertaj en la internacia lingvo.

Kio gravas, estas ke ni volas kune loĝi, amikiĝi, ĝui la fratecon de SEL.

Kion ni povas doni?
Jen nur mallonga listo:
Preskaŭ du aventurplenajn semajnojn, bonajn manĝojn, interesan regionon kaj spertajn gvidantojn - eĉ lingvan instruon por tiuj, kiuj tion deziras.

Kion ni postulas?
Nur agrablan humoron - kaj iom da mono por pagi la plej necesajn elspezojn:
125 ned. gld. por 10 plenaj tagoj, inkluzive pluraj ekskursoj.

Ĝis nun tamen la nombro de aliĝintoj estas tro malgranda! Tial ni atendas viajn mendojn ĝis fino de aprilo, kun samtempa antaŭpago de 10 % ĉe nia sekretario.

Tio ĉi estas nia plej bona ŝanco montri la valoron de Esperanto al la skoltoj.

## NI UZU LA EBLECOJN

# DE LA KASISTO

Dum la SELkunveno dum UK oni plendis pri manko de raporto pri financoj de la Ligo. Jen:

FINANCA RAPORTO

1. Resumo (kombino de kontoj ĉe kasisto (K), Ĝenerala Sekretario(S) kaj Redaktoro (R).
   Noto: La monunuo estas la pundo sterlinga (£)

| | | |
|---|---|---|
| Saldo 1971 | £251 | ( £201 (K), £50 (R)) |
| Enspezoj | £228 | ( £183 (K), £27 (S) £18 (R)) |
| Elspezoj | £215 | ( £ 38 (K), £47 (S) £130 (R)) |

Gajno 1972 £13

Pzitiva saldo 1972 £264 ( +£305 (K), ÷£20 (S), ÷£21 (R))

2. Detaloj.

| Enspezoj | K | S | R |
|---|---|---|---|
| LA SKOLTA MONDO (abonoj subvenc) | 23 | | |
| Kotizoj | 8 | 25 | 9 |
| Donacoj | 56 | 2 | 9 |
| De KAPITALA FONDUSO, rentoj ks | 96 | | |
| | 183 | 27 | 18 |
| | | = £228 | |

Kotizoj pagitaj de sekcioj kaj individuoj en Britujo, Nederlando, Belgujo, Norvegujo, Finnlando, Novselando, Japanujo, Kanado, Usono, Germanujo...

| Elspezoj. | K | S | R |
|---|---|---|---|
| La Skolta Mondo | | | |
| Preskostoj 4 nroj | | | 98 |
| Eksp de presejo al redaktoro: | | | 5 |
| Transpago al Sekr. pro elspezoj: | 15 | | |
| Faldfolioj k.s. | | 13 | |
| Kotizo UEA 1973 | | 4 | |
| Poŝtelspezoj k.s. | 10 | 30 | 27 |
| Papero al brita sekcio (repagita) | 13 | | |
| | 38 | 47 | 130 |

= 215. Gajno £13.

PAUL BLAISE FONDUSO

Saldo 1971 £ 13, Gajno 1972 £24, Saldo 1972 £ 37.

Komento: Kvankam la raporto montras pozitivan saldon, la mono kiun ni ricevas kiel abono al LSM estas mizere malgranda sumo. Ni devas pligrandigi la abonantaron, ĉar la pres- kaj poŝt-kostoj eluzas monon kiun ni bezonas por aliaj gravaj aferoj.
Se vi deziras klarigojn pri iu ajn detalo, bonvolu skribi rekte al mi.

Sincere via

David



Ankoraŭ sama prezo!!!!

Ĵamborea Lingvo.

Se vi mendas per antaŭpago ĉe la sekretario antaŭ la 15-a de junio
ni garantias la nunan prezon: po 2.50 ned. gld.

Rabato: 25% por mendoj de pli ol 10 ekz.

Kontraŭ la sama malalta prezo: Disko kun unuaj lecionoj.

# SKOLTA SCIENCO

DE

VERDA PEGO



## Kiel semo ĝermas?

Pri la ĝermado de semoj vi povas fari plurajn interesajn eksperimentojn.

Unue zorgu, ke vi havu plurajn semojn. Uzu pizojn, fabojn kaj semojn de ĝarden-floroj. Kolektu semojn de sovaĝaj plantoj.

### Eksperimento 1.

Kovru pladon aŭ teleron per absorba papero aŭ peco de tolo, kaj malsekigu ĝin.

Metu la semojn sur la malsekan tavolon, kaj metu la teleron en varmeta, luma loko.

Donu iom da akvo ĉiutage, kaj notu kiam la semoj ĝermas. Klopodu fari desegnaĵon de la junaj plantoj. Faru serion de bildoj kiel ia planteto kreskas.

Notu, ke la unuaj folioj de la planto havas alian formon ol la folioj de la plenkres-kita planto.

### Eksperimento 2.

Prenu larĝan poton el vitro. Metu en ĝi tavolon de vatc kaj malsekigu ĝin.

Metu kelkajn pizojn sur ĝin.

Prenu duan poton sammaniere, sed nun ne malsekigu la vaton. Kontraŭe - vi zorgu, ke ĉio estu kiel eble plej seka!

Bone fermu la poton per kovrilo.

En tria poto metu tiom da akvo, ke la semoj estu sub ĝi. Verŝu iom da oleo sur la akvon.

Per la eksperimento vi povas lerni, ke semoj bezonas aeron kaj akvon. En la dua poto la akvo mankas, kaj en la tria la aero ne povas atingi al la semoj.

Ĉu la semoj tamen ĝermas? Se jes, kiom rapide ili kreskas?







### Eksperimento 3.

Denove preparu du potojn kun semoj en la plej bona maniero, do kiel poto unu de la dua eksperimento. Metu la unuan en la lumo, la alian en malluma loko. Rigardu, kiel la semoj kreskas.

En la mallumo ili klopodas atingi la lumon, tial ili kreskas kun tre longaj tigoj.

Rimarko.

Kelkfoje la semoj tute ne ĝermas. Ekzemple la semoj el prunoj kaj ĉerizoj. Ili havas ŝelon el speco de ligno, kiu antaŭe devas forputri.
Kelkaj semoj atendas ĝis la "vintro" forpasis. Ekzemple la semoj de ĝardenplanto de la speco "Flokso" (latine: Phlox) kelkfoje estas tiaj.
Kontrolu ĉu ili volas ĝermi post kelktaga restado en la plej malvarma loko de la fridujo (malvarmiga ŝranko).

Plantoj povas distingi inter SUPRE kaj SUBE. Eksperimento 4




Prenu poton el vitro, metu kontraŭ la vando paperon. Plenigu la mezan parton per tero. Metu kelkajn pizojn inter la papero kaj la vitro, tiel ke vi povas vidi ilin, kaj ke la semo estu en fiksa loko, premita inter papero kaj vitro.

Rigardu, kiam radiko kaj tigo aperas: La radiko kreskas malsupren, la tigo supren.

Tiam metu la poton sur ĝia flanko. Nun la kreskado okazas en aliaj direktoj: Denove la radiko kreskas malsupren, la tigo kreskas supren.

Fine metu la poton kun la kovrilo sube: Kion faras la kreskantaj radiko kaj tigo?

Plantoj povas "vidi" la lumon.

Eksperimento 5.

Metu poton kun planteto en skatolon. Faru truon en unu vando de la skatolo. La planto kreskas en la direkto de la truo.




Eksperimento 6.

Metu planton kun longaj tigoj en skatolo kiel mi desegnis por vi. Se la planto ne mortas pro la mallumo, ĝi klopodos kreski en la direkto de la lumo.




podas atingi la lumon.

Eksperimento 7.

Metu planton en skatolon, de kiu unu vando mankas. Rigardu kiel ĝi kreskas.

Eksperimento 8.

Ni ripetu eksp. 3 en iom alia formo. Preparu du potojn kun semoj, kaj gluu nigran paperon ĉirkaŭ unu el la potoj. Rigardu kiom la plantetoj en tiu poto klo-



Eksperimento 9.

Vizitu arbaron. Bone rigardu la arbojn, kiuj estas en la mezo, kaj tiujn, kiuj estas ĉe la rando.

Kiuj arboj estas pli altaj? Kial? Ju pli densa la arbaro estas, des pli granda estas la diferenco.

Kiel aspektas la arboj ĉe la rando? Ĉu ili kreskis je ĉiu flanko en la sama maniero? Aŭ ĉu ili havas unu "bonan" kaj unu "malbonan" flankon? Kiu flanko kreskis plej bone?

## Transporto en la planto.



Eksp 10

La transporto de la nutraj materialoj el la tero supren en la planto okazas per akvo.

La plantoj "trinkas" per la radikoj kaj "vaporigas" la akvon per la folioj.

Ni klopodas montri tion per kelkaj eksperimentoj.

Eksperimento 10.

Fiksu planton kun la radikoj en botelo, kaj fermu la botelon per vakso.

Notu kiom alta la akvo estas en la botelo. Metu la botelon en luma loko kaj notu kiom alta la akvo estas post unu tago.

Eksperimento 11.

Bindu plastan sakon super la planto kaj fermu ĝin ĉirkaŭ la kolo de la botelo. Baldaŭ la plasta sako interne estos malseka pro vaporigita akvo.

Eksperimento 12.

Tranĉu per akra tranĉilo tigon kun folioj de la planto kaj metu ĝin en botelo kun akvo. Kolorigu la akvon per ruĝa aŭ blua inko. Post kelkaj tagoj (aŭ eĉ pli mallonge) vi vidos la koloron penetri tra la kanaletoj de la tigo kaj folioj.

Tranĉu platajon de la tigo, kaj rigardu kiaj kanaloj estas uzataj.

Sammaniere vi klopodu kolorigi blankajn florojn. Se la tigo estas sufiĉe dika kaj forta, klopodu dividi ĝin en du partojn laŭlonge, kaj metu ĉiun parton en tubeto kun kolorigita akvo. Vi ricevos dukoloran floron!



Eksp 12

## La provizejo de la planto.

Multaj plantoj konservas nutron por la vintra sezono en bulboj aŭ tuberoj. Aŭ ili preparas provizon de nutro en la semo, por ke la juna planto povu ĝin uzi. Plejofte la provizo konsistas el sukeroj aŭ amelo. (Sukeroj, ĉar estas diversaj specoj da ĝi!)
La faruno, el kiu ni faras panon, estas la amelo kiun la planto metis en la semoj.

Ni uzas amelon el terpomoj i.a. por "dikigi" akvon aŭ lakton por fari pudingojn aŭ saŭcojn. Oni ankaŭ uzas ĝin por fari gluon.
El betoj oni povas fari sukeron. Beto estas dika radiko, kaj fakte ankaŭ estas provizejo.
Facile ni povas montri la ekziston de amelo, ĉar la kemio havas por tio bonan rimedon: La elemento JODO donas kun amelo tre profundan

bluan koloron. Eble en via unua-help-kesto estas jodosolvaĵo por prizorgi vundojn. Uzu tion por la sekvantaj eksperimentoj.

Eksperimento 13. Faruno estas amelo.

Prenu iom da faruno, kaj metu guton de JODOsolvaĵo sur ĝi. Kion vi vidas?

Eksperimento 14. Fari amelon el terpomoj.

Raspu terpomon ĝis tre malgrandaj pecoj. Metu la tuton en multe da akvo.
La terpomo konsistas el malgrandaj ĉambretoj (celoj), kiujn vi malfermis. La restoj de la celoj estas malpezaj, la amelo estas peza. Kiam vi kirlas la akvon kaj atendas momenton, la amelo iras suben kaj vi povas forverŝi la akvon kun la celvandetoj. Se necese tiel lavu la amelon plurfoje. Ĝi formas tavolon sur la fundo de la poto. Elprenu, sekigu kaj kontrolu per jodo.




Eksperimento 15. Folioj faras amelon en la lumo.




Eksp. 15
"Boli alkoholon"

Lumo estas la "motoro" per kiu la planto funkcias. Sen lumo ĝi ne povas funkcii.
Fiksu per pingloj pecon da dika kartono sur folio de vivanta planto, kaj lasu ĝin tie dum kelkaj tagoj.

Kuiru la folion en alkoholo. SED TIO ESTAS DANĜERA? ĈAR ALKOHOLO ESTAS BRULEBLA: TIAL NEPRE FARU, kiel la bildo montras, kaj faru ĝin e k s t e r e en sendanĝera loko.

NE estu STULTA, agu kiel mi diras!!!

Se la folio estas kuirita, la celvandoj estas rompitaj, kaj ni povas atingi la amelon, kaj la verda koloro iomete malaperis, ke ni bone povu vidi.

Nun metu jodon sur la folio. Kio okazos? Ĉu la tuta folio bluiĝas?

Ankoraŭ multaj eksperimentoj estas eblaj kun plantoj.

Vi ne povos konservi la plantojn, kiujn vi kreskigis en la potoj, ĉar vi donis al ili nur akvon. Kaj tio ne sufiĉas! Ili nur kreskas, ĉar ĉiu semo havas nutroprovizon. Nur la plantetoj de eksperimento 4 povos vivi iom pli longe. Kial?

Por kompreni tion ankoraŭ unu lasta eksperimento.

Eksperimento 16. Plantoj sur akvo.

Plenigu du botelojn per akvo, la unua per la plej pura akvo, kiun vi povas ekhavi, la alia per "malpura" akvo. Faru ĝin tiel:

Metu iom da tero en akvo, bone kirlu ĝin. Filtru al akvon. Nun la nutraj saloj el la tero estas solvitaj en ĝi.

Fiksu kun buleto de tolo, strieto de kartono aŭ alimaniere planton ĉe la kolo de ĉiu botelo.

Kontrolu, ke la unua nur iomete kreskas, la dua multe pli bone.

---

Kiu el vi volas raporti pri siaj eksperimentoj al LSM? Kiu kuraĝas proponi eksperimentojn?



# ETAJ NOTOJ

Norvegujo: La oficiala skolta gazeto "Speideren" informas, ke 70 norvegaj skoltoj dum la nacia ĵamboreo en Røros elektis la temon "Esperanto" por ĵamborea labortasko.

Tial: Skribu korespondpetojn al "Speideren N.S.F., adr. Møllergt. 43, Oslo 1," menciu tiun noton kaj petu korespondon en Esperanto.

Ĉeĥoslovakujo: Inter la dek ekzempleroj al tiu lando, ni ĉifoje metis papereton por kontroli ĉu ili vere alvenas - diras la ĝen. sekr. Revenis unu ĝoja letero, dirante ke presaĵoj ne plu estas kontrolataj, se ili estas senditaj en blanka koverto. Tamen: naŭ el dek ne respondis... Kaj informis nia amiko St.L al la red., ke li ne plu povas ricevis LSM'on ĉar ĝi iras al la doganejo.

Heroldo de Esp

La internacia gazeto Heroldo aperigis artikolojn pri nia kampanjo en la numeroj 1535 kaj 1536. Dankon!

Portugalujo: La 15an-17an de dec. en Lisabono okazis ekspozicio pri Esperanto, al kiu la junaj skoltoj de grupo 19 partoprenis. SEL prezentis la portretojn de Baden Powell kaj Zamenhof, ekzemplerojn de nia gazeto kaj skoltaĵojn el diversaj landoj.



Multaj knaboj de grupo 19 ĝin vizitis. La organizantoj regalis per porta vino kaj biskvitoj. Speciala faldfolio en portugala lingvo disdoniĝis. Jam nia NR en Portugalujo, kiu ne jam okupas tiun funkcion dum unu jaro, plendas, ke li devus havi helpanton! Ni gratulas pro la bonega initiativo de niaj portugalaj amikoj.

Sed: Ĉu eble en Lisabono estas iu bonvola persono kiu povas helpi al li. Ĉar Jaime havas ankaŭ kurson por gvidi. Alian foton vidu lastpaĝe.

Nederlando: Scouting: revuo de la Nederlanda Geskolta Federacio - aperigis artikolon pri la uzo de Esperanto en la "Skolta Inter Liga Programo' de Skolta Monda Oficejo.

Gratuloj. Ĉu Nederlandaj SEL-anoj nun subite estas tiel edziĝemaj? Jam ĉenove ni devas gratuli junan paron: Peter Moetwil, deĵoranto dum EuroScout 72, kaj Helen de Boer, geedzoj de la 6.a de decembro. Feliĉon al vi

Emblemo Skolta Scienco.
Nederlanda junulo provizis nin per nova emblemo por nia rubriko S.S. Ni esperas ke ĝi plaĉas al vi. Ĉu en SEL estas pli da gejunuloj kiuj povas kaj volas kontribui al nia revuo?

Belgujo. La Belga Skolta revuo Tele aperigis kurson pri Esperanto pasintjare, kaj en 1973 aperos nova revuo TOP por dekjaruloj. En ĝi venos kurso!

La Sekretariejo estos fermita de la 25a de junio ĝis 1.a de aŭgusto. Mendojn bonvolu ensendi antaŭ la 15.a de junio.

# KORESPONDU




Rainer Kleinertz, 14-jara skolto kiu lernis Esperanton post sia vizito al la Essex-ĵamboreo nun volas korespondi kun skoltoj en aliaj landoj! Adreso: Wielandstr. 10, D-4006 Erkrath, Germanujo.

.o.

Sardiniaj junaj geskoltoj volas korespondi kun la tuta mondo. Bonvolu skribi klare. Assoraider-Esperanto, Sangiovanni 311, Gaglari, Italujo.

oOo

Salutojn atendas la skoltetoj, kiuj eklernis la lingvon ĉe nia Nacia Reprezentanto en Portugalujo, J de Matos Correia, Rua Cidade da Horta Q-5-3°, Pontinha, Lisboa 4.

.oOo.




Deziras korespondi: La skoltgrupo de D.B. Pease, Flat 2, 8 Dent Street, Whangarei, Nov-Zelando.

.ooOoo.

Mi deziras korespondi esperante kun iu skolto aŭ skoltino el la tuta mondo, precipe el la skandinaviaj landoj. Mi estas 18-jara, kaj skoltestro de grupo da junskoltoj.
Wolfgang Bohr, D-5568 Daun, Michel-Reineke-Strasse 8, Germanujo.

..ooOoo..

Mi estas 19-jara hungara junulo. Mi volus korespondi kun skoltino 17-jara.
Julio Rajnai, vojo de Vöröshadseneg n.ro 153 H-2092 Budakesio, Hungarujo.

...oooOooo...




Dag Martin Rosbach, Nergt 37c, N-6500 Kristiansund N, Norvegujo, 14-jara skolto, dez. korespondi kaj interŝanĝi poŝtmarkojn.

...oooOOOooo...

Se iu ne ricevas respondon al sia peto, jen la konsilo de la redaktoro:
Skribu mem al iu el la aliaj!

Ivo Schenkel el Belgujo gajnis la konkurson en la pasinta numero. Liaj nomoj estis: TO (en Haute-Volta), SOS (Hispanujo), VIVI (en Rusujo), POOPO (Bolivujo), OUSOVO (Rusujo), RZESZOV (Polujo), PUU KUKUI (Havajo) STUTTGART (Germanujo) kaj VROOMSHOOP (Nederlando).
Kiu el vi havas sufiĉe bonan atlason por retrovi la lokojn?
Gratulon al Ivo, kaj dankon pro afablaj vortoj en la letero, kaj sukceson al la kreskanta intereso por Esperanto en lia grupo.






NACIAJ REPREZENTANTOJ:

| | |
|---|---|
| Aŭstralio: | S-ro S.H. Milligan, **14 Kerry Close**, Doncaster, E 310g, **Victoria.** |
| Belgujo: | S-ro Eddy Frederickx, Paasbloemstraat 31, B-2060 Merksem-Antwerpen. Poŝtĉekk 9978.93. Tel (03)4524.76<br>S-ro L.J. van Gulck: telefono (03)3688.08<br>Poŝtkonto Belga Skolta Esp.-Sekretariato 327460. |
| Brazilio: | S-ro Euclides C. Soares, Av. Almirante Tamandare 979, Belem, Para. |
| Britujo: | S-ro C. Bardsley, 42 Westbourne Str., Oldham, Lancs. |
| Danlando: | S-ro Asger Petersen, Blistrupsvej 8, DK-2610 Rødovre. Telefono 707157. |
| Finnlando: | S-ro Seppo Tella, 9 kp, SF-55950 Imatra 95. Telefono 954-51130. |
| Hispanujo: | S-ro Pedro Marqueta, Fern el Catolico 32, 5°izqda, Zaragoza. Telefono 252044 |
| Irlando: | S-ro Frank Dobbs, 8 Ailesbury Grove, Dublin 4 |
| Italujo: | Prof. Franco Tulone, Via Frangipene 8, I-92019 Sciacca, Agrigento. Telefono 21.198. |
| Japanujo: | S-ro Sinzo Sumiya, Daido Kagaku Sooti K.K. 16, Suekirotyo Kitatu, Osaka. |
| Kanado: | S-ro John H.F. Hoyle, Box 421, Forest Ont.<br>Helpa N.R: S-ro Paul Ronald, 45, 10th Ave., Roxboro, Que |
| Nederlando: | S-ro J.K. Hammer, Taxusstraat 7, Zaandam. Telefono (02980) 66931. Poŝtkonto 632246. |
| Norvegujo: | S-ro H.A. Rosbach, Nergt 37c, N-6500 Kristiansund N. Tel.: (073) 77690. Poŝtkonto 8030413 |
| Novzelando: | S-ro D.B. Pease, Flat 2, 8 Dent Street, Whangarei. |
| Portugalujo: | S-ro Jaime de Matos Correia, Rua Cidade da Horta, Lote Q35-3°, Pontinha, Lisboa 4. |
| Usono: | Ken Meyer, 1418 West Elm Street, Oxnard Cal. 93030. |
| Zairo: | S-ro Paul Deloin Nzemba-Paku, B.P. 280 , Limete, Kinshasa. |

Informoj pri membreco:

En landoj kun Nacia Sekcio: Informiĝu ĉe la N.R., kaj pagu al li la landan kotizon.

Individuaj membroj (Nur en landoj sen N.R.!):

Kotizo inkl abono de LSM por junuloj ĝis 18 jaraj: **Nederlandaj** guldenoj 3.30 aŭ egalvaloro.

Pli-aĝuloj: Ned. guldenoj 5.00 aŭ egalvaloro.

Subtenantoj: Minimume Ned. guldenoj 5.00 aŭ egalvaloro.

Oni pagu al la kasisto, aŭ se necese al la sekretario.

Bonvolu pagi la kotizon antaŭ la unua de aprilo.




ESTU PRETA



Tiu ĉi grupo de skoltetoj partoprenas kurson gvidatan de J. Matos Correia. Ĉi tie ili staras ĉe ekspozicio en kiu ili deĵoris.



# LA SKOLTA MONDO

Limtempo por manuskriptoj kaj anoncoj: 1-a de Februaro, Majo, Aŭgusto kaj de Novembro.

REDAKCIO: N-6500 KRISTIANSUND

